# INTERNACIA KORESPONDADO DE JUNAJ ESPERANTISTOJ.

Ni Esperantistoj dediĉis al infanaro ĝis nun nemulte da atento. Kaj tamen ĝi estas generacio, kiu transprenos nian aferon por daŭrigi ĝin post ni. Multaj infanoj lernus Esperanton. Infanoj akceptas ĉion. Ni nur devus scii veni al ili.

Kompreneble, ke neniu postulos de ili seriozan lernon de gramatiko, neniu instruanto severe postulos de ili scion de senco de prefiksoj kaj sufiksoj. Ni instruu ilin al pretaj formoj. Sufiĉas, ke por komenco ili ellernu kvazaŭ ludante kelke da vortoj kaj sciu el ili konstrui kelke da mallongaj frazoj. Kaj ni tuj elserĉu al ili korespondanton. Per korespondanto el fremdaj lando kaj nacio ni faros al infano des pli grandan ĝojon. Por komenco ili povus dum kelke da tempo elŝanĝadi ilustritajn poŝtkartojn. — Oni povas skribi nur kelke da vortoj sur tia poŝtkarto — infano 8—10—12-jara ne amus skribi longan leteron eĉ en sia gepatra lingvo, kaj en lingvo, kiun ĝi neperfekte posedas, des malpli!

Prezentu al vi ĝojon, kian havos por ekz. bohema infano, kiam ĝi ricevos respondon de infano rusa, el Anglujo aŭ el alie! Korespondado estos ia modo de skribaj lecionoj, kiujn ĉiu fremdan lingvon lernanta ordinare laboras por pliperfektigi sin en ĝia posedo. Ĝi estos ankaŭ ia ligilo inter malkonstanta infana naturo kaj Esperanto: sen ĝi infano baldaŭ perdus intereson kaj paciencon por lerni nian lingvon. Kaj devigi ne estus bone.

Ili elŝanĝados poŝtkartojn, konatiĝados, ilia kuraĝo kreskos. Dume ni daŭrigu ludeme instrui ilin, se tio estas ebla, ĉiun tagon dum kelke da momentoj. Ni estu al ili alireblaj kaj kompleze konsilu kaj helpu al ili. Kiam ili sufiĉe posedos lingvon, ili korespondos per leteroj; kaj kiu lerte ĝin posedos, certe »ĉiufoje konscience plenigos tiujn 15 gramojn de letera pezo«.

Mono elspezita por tiu korespondado certe ne estos vane elĵetita: niaj Esperantistetoj por ĝi ekkonados fremdajn naciojn, iliajn kutimojn, kostumojn, manieron de vivo, memorindajn konstruaĵojn k. t. p. »Kun kia plezuro oni relegos amuzajn naivaĵojn skribitajn de malgranda amiko germana, perua aŭ . . . bohema? Juna Franco skribos ŝercetojn; juna Bulgaro varmiĝos pri macedonaj aferoj; juna Ruso parolos pri lastaj dancoj, kiujn li lernis« . . . Kelkafoje ni aŭdos de ili similajn demandojn, kiel estas: »Ĉu vi vidis kuriozan[1] kreskaĵon elkreskintan el semo per letero alportita el Afriko? . . . Kaj miajn papiliojn alvenintajn el nova mondo? Ha, mi forgesis fotografaĵon de mia juna korespondanto en lia nacia kostumo! Vidu do, kiel beleta li estas! Ne vere«? . . .

Krom pliriĉigo de scioj pri fremdujo (kiujn eble neniu subŝatos kiel senbezonajn por moderna homo) kaj plilarĝigo de interesoj, oni memoru ankoraŭ unu aferon: ni vekos en infano senton, ke ni ĉiuj homoj estas membroj de unu ĉiuhoma familio. Se nia bohema infano korespondos por ekz. kun infano angla — ili certe sin amos reciproke! Kaj ĉe nia infano al ĉio angla apartenos iom da tiu amo. — En niaj koroj dormetas revoj de paco — jen tero, kiun ni povas prepari por venontaj semadoj!

Sed kie trovi adresojn de junaj korespondantoj por nia Esperantisto? — Antaŭ nelonge gazeto »La Lumo« publikigis kelke da ili. Pli da ili troviĝas en aldonoj al 3. kaj 5. numeroj de gazeto »Juna Esperantisto de Ĝenevo«, en kiu publikigis ilin svisa instruisto s-ro E. Ducomun. Li akompanis ilin per artikoleto, el kiu ni citis (kun kelkaj ŝanĝoj) pli supre.

»Patroj, patrinoj, instruistoj, profesoroj ĉiulandaj«, li vokas en lasta alineo[2] de sia artikolo, »donu tuj kelkajn esperantajn lecionojn al viaj infanoj, al viaj lernantoj, kaj sendu al ni iliajn adresojn. Vi havigos al ili utilan kaj honestan amuzon; vi pliigos ilian inteligentecon, iliajn konojn kaj vi disvastigos nian karan lingvon«.

S-ro Ducomun volas dediĉi sin al organizado de tiu korespondado de junularo. Korespondantojn, kies adresojn li jam kolektis, li dismetis en du grupojn: en grupon knaban kaj grupon knabinan. Enskriboj estas senpagaj.

[1] Kurioza = podivný, zvláštní.
[2] Alineo = odstavec.

Povas aliĝi ankaŭ junaj fraŭloj kaj fraŭlinoj. Nomarojn de korespondantoj li publikigados en »Juna Esperantisto de Ĝenevo[3].« Kun enskriboj aŭ por sciigoj oni sin turnu al li. Lia adreso estas: S-ro E. Ducomun, instruisto en Le Locle (Helvetio).

Ni ĝojus, se ni vidus, ke per ĉi linioj ni utilis al bona afero.

# ZÁJMENA.

Píše *J. Holub.*

## ZÁJMENA ZVRATNÁ.

(Pokračování.)

Pokusím se vyhledati vodítko[1].

1. Dr. J. Gebauer píše o českém slovese:

»Ze sloves zvratných mohou *a)* některá bývati též předmětná, na př. vedle zvratného myji se, přeji si... vyskýtá se též předmětné mýti někoho, přáti někomu atd.; — *b)* jiná pak vyskytují se vždy a jenom v podobě zvratné, na př. modliti se, smáti se, blyštěti se..., a slovesa zvratná toho druhu nazývají se střední (media).«[2]

Českých sloves středních v Esperantu neprovázíme slůvkem »si«.

Modliti se překládáme *preĝi* (nikoli *preĝi sin* nebo podobně); smáti se *ridi;* blyštěti se *brili.* — Tráva se zelená. *La herbo verdas.* — Hle, tam se cosi bělí! *Jen, tie io blankas!* — Kvetoucí mák červená se z daleka. *La floranta papavo ruĝas de malproksime.* — Černati se *nigri,* modrati se *blui*... Veseliti se *gaji;* radovati se *ĝoji;* báti se *timi;* dívati se *rigardi;* diviti se *miri;* rouhati se *blasfemi;* snažiti se *peni;* tázati se *demandi;* procházeti se *promeni;* — Rozednívá se. *Tagiĝas.* — Smráká se. *Krepuskiĝas.*

---

[3] Por gazeto »Juna Esperantisto de Genevo« turnu sin al: Hector Hodler, Genève, Avenue des Vollandes 9,— aŭ al: Edmond Privat, Genève, Route de Florisant 10 (Helvetio). Unu numero po 10 centimoj. Subtenu kuraĝan entreprenon de vere »Junaj Esperantistoj«! (Ambaŭ supre nomitaj redaktoroj estas knaboj 14—15-jaraj.)

[1] Viz číslo 7. »Č. E.« str. 62—63.

[2] Mluvnice Česká pro školy střední a ústavy učitelské. Napsal Dr. J. Gebauer. — § 488.

2. Jen ta slovesa zvratná, která bývají též předmětnými, i v Esperantu provází slůvko »si«.

La knabo *lavas sin.* Hoch se myje. — La knabo *lavas la vazon.* Hoch myje nádobu. — La knabino *kombas sin.* Dívka se češe. — La knabino *kombas la infanon.* Dívka češe dítě.

(V osobě první a druhé: Mi lavas *min*, vi kombas *vin;* nikoli *sin.*)

Ale i některá z těchto sloves nemají v Esperantu »si«. Na příklad učiti se a učiti někoho. Zvratné učiti se překládáme *lerni* (předmětné učiti někoho *instrui*). Objeviti se *aperi* (objeviti něco *malkovri*). Přáti si *deziri. Kion vi deziras?* Čeho si přejete? *Bonan tagon mi deziras al vi!* Dobrý den vám přeji! — Ve smyslu: býti přízniv, nadržovati komu *favori.*

Takových slov je však velmi málo. Jsme-li v nejistotě, pomůže nám slovník. Ve slovníku najdeme na př.: učiti se *lern* (s koncovkou infinitivu *lerni)*, nikoli *lerni sin.*

3. Praví se, že pravda vždycky vítězí. — Zde zájmeno »se« označuje podmět neurčitý, který v češtině můžeme vyjádřiti i bez »se«, na př.: povídají, že . . .; lidé praví, že . . . Tento podmět neurčitý v Esperantu vyjadřujeme zájmenem *oni* (jenž má význam německého »man«, francouzského »on«).

Překlad oné věty je: *Oni diras, ke la vero ĉiam venkas.*

Jiný příklad: *Oni longe kredis, ke la tero staras senmove.* Dlouho se věřilo, že země stojí nepohnutě.

### II. ZVRATNÉ PŘIVLASTŇOVACÍ „SIA“.

*Sia* jest odvozeno od *si*, jako *mia* od *mi.* Překládá se slovy svůj, svá, své. Množné číslo: siaj.

Zájmenem *sia* se přivlastňuje tomu, kdo je podmětem děje.

Stává před předmětem, nikdy před podmětem. Užívá se ho podobně jako zájmena *si*, jen je-li podmětem mluvnická osoba třetí. Je-li podmětem mluvnická osoba první nebo druhá, užívá se zájmen přivlastňovacích *mia, nia, via.*

Příklady. — *La patro venas kun sia filo kaj liaj amikoj.* Otec přichází se svým synem a jeho přáteli. — *La patro venas kun sia filino kaj ŝiaj amikinoj.* Otec přichází se svou dcerou a jejími přítelkami. — *La patro*

*venas kun sia filo kaj siaj amikoj.* Otec přichází se svým synem a svými přáteli.

*La patro kaj lia filo,* otec a jeho syn; *la patro kun sia filo,* otec se svým synem. *La patrino kaj ŝia filino,* matka a její dcera; *la patrino kun sia filino,* matka se svou dcerou. — *La infano parolas kun sia pupo.* Dítě mluví se svou panenkou (loutkou). *Ĝia pupo,* jeho panenka.

*Mi serĉas mian amikon.* Hledám svého přítele. — *Amu vian proksimulon!* Miluj bližního svého! Ve větě první je podmětem osoba první, ve druhé — druhá, a proto za české svůj užito *mian, vian.*

* * *

Některé příklady jsou vzaty ze spisů:

Commentaire sur la grammaire Esperanto, nouvelle édition revue, par L. de Beaufront. Cena 2 fr.

L' Esperanto en dix leçons, par Th. Cart et M. Pagnier. Cena 0·75 fr.

Dictionnaire Esperanto-Français, par L. de Beaufront. Cena 1·50 fr. Objednati je lze u knihkupectví E. Weinfurter, Praha II, Vodičkova.

# LASTA RIPOZO.

De PETER ROSEGGER.[1]

Nun ili ripozis sub maljuna potenca cedro. Tra milionoj da tufetoj de mallume verdaj pingloj gutis la pluvo de branĉo al branĉo sur la ĉapeloju kun larĝaj malsekaj randoj, sub kiuj sidis homoj kun altiritaj piedoj kaj kun brakoj sur brusto kruce alpremitaj. Lace kaj malgaje ili rigardis la malsekan nebulon, tra kiu ili vidis nur pli proksimajn suprojn de griza montaro. Pluen oni vidis nenion — kaj malsupre antaŭ iliaj piedoj tamen kuŝis la mondo.

---

[1] Peter Rosegger (propra nomo Petri Kettenfeier), glora germana verkisto, la 31. VII. 1903 li festis sian 60-an festou de naskiĝo.

Li naskiĝis en jaro 1843 en Alpaj en Stirujo kaj nun li vivas en Graz. P. Rosegger verkis grandan nombron da rakontoj el popola vivo de alpaj loĝantoj kaj krom tio ankaŭ multe da poemoj en stiruja idiomo. La plej glora lia verko estas la romano »Der Gottsucher«, kiu aperis en jaro 1882. Rakonto »Lasta ripozo« estas prenita el la libro »Mein Himmelreich. Bekenntnisse, Geständnisse und Erfahrungen aus dem religiösen Leben. Leipzig. Verlag von L. Staackmann. 1903«, kiu estas unu el liaj plej konataj verkoj, eldonitaj en lasta tempo.

Sidis tie dek aŭ dekdu viroj, kelkaj el ili havis grizajn barbojn, aliaj, junaj kaj fortaj, kun reve brilantaj okuloj. Longaj bastonoj kuŝis apud ili, sed la sakoj, kiujn kelkaj el ili havis sur la dorsoj, estis sulkigitaj kaj malplenaj.

Jen tie staras arbo, kies trunko estas tiel kolosa, ke tri viroj ne povus ĝin ĉirkaŭpreni; ĝi havas blankan disŝiritan ŝelon, kiu ŝajnas esti el pura arĝento, sur kiu estas enĉizitaj misteraj figuroj. Ĉe tiu arbo, iom apartigita de la ceteraj, sidis gracia juna viro. Lian kapon ne kovras ĉapelo, liaj densaj brunaj haroj fluas en mola linio super nuko kaj ŝultroj. La palan vizaĝon enkadrigas maldensa barbo. Li apogas sin sur la arbo kaj liaj okuloj estas fermetitaj.

Liaj kunuloj pensas ke li dormas, kaj por ne veki lin, ili rigardis sin reciproke, silente interparolante. Iliaj animoj estis plenaj de impresoj el lastaj tagoj. Malfacilaĵojn de ĉia speco ili travivis dum tiu longa irado post forlaso de nun malproksima estinta hejmo. Pri tiu hejmo ili nun pensis, estante en la alta montaro de Libanon.

Kiu nun kondukas mian fiŝistan boaton sur lago? pensis unu. Kiu prilaboras la kampon sub olivarboj? pensis alia. Tria rememoriĝis je profitodona depagejo, kiun li iam posedis, kvara je ploranta edzino, je amindaj infanoj, kiujn li estis forlasinta. Ĉion, kion ili posedis, ili forlasis kaj sekvis Majstron.

Kaj triumfa estis la irado laŭlonge de l' lagobordo kaj tra Galileo, kaj ankoraŭ pli granda triumfo atendas ilin, kiam li estos ekkonita kiel tiu sopirege atendata savonto de l' popolo, — la reĝo. Sed nun ankoraŭ ili travivis malĝojajn tagojn. Li estis persekutata, lian instruon pri ĉiela ,feliĉo oni ne volis eĉ aŭdi. Lin persekutis ne la fremduloj, Romanoj, sed pastroj kaj instruituloj de lia propra popolo, ili nomis lin ribelanto, deloganto, kontraŭulo de ilia religio, kiu volas estigi novajn leĝojn. Kiel povas antihebreo fariĝi reĝo de hebreoj?

Tiun, kiu antaŭdiris lin, oni jam senkapigis en dezerta kastelo. Li ja ofendis la princon, farinte al li antaŭ multaj aŭdantoj riproĉojn pro lia malĉasta vivo. Per sia kapo li pagis tion. Sed Majstro ne parolas alie; al severaj regantoj li antaŭdiras teruran finon. Al la princo li sendis sciigon, ke lia potenco malbone finiĝos, ĉar li mortigas

servistojn de Dio. Kaj kiam la amaso, kiu lin ĉiam akompanis, ekvidis, ke eble venos danĝeroj, ili distriĝis al ĉiuj flankoj kaj li restis sola kun tiuj malmultaj amikoj. Poste ili formigris en al ili nekonatajn regionojn. En tiu marŝo ili transiris la montojn en supra Galileo kaj venis ĝis urbo Tyrus, kiu kuŝas tie, kie jam komencas la maro. Ĉar tie oni ekkonis lin kiel la mirakliston, kaj ĉiuj venadis kaj postulis de li sanigon de malsanuloj, eĉ revivigon de mortintoj, tial li rapide foriris laŭlonge de l' marbordo ĝis Sidon. Kiam la senhejmuloj vidis tie laboreman komercistaron, la amason da ŝipoj en la haveno, ili konsiliĝis, ĉu ne estus pli bone forvojaĝi al idolistoj en Ateno kaj Romo aŭ al sovaĝaj ruĝaharaj popoloj en la nordaj dezertoj.

Sed Majstro faris nean movon per kapo. Ĉu laŭ volo de Dio li prosperos aŭ mortos, sur tero de sia hejma popolo li volas resti, ĉe sia popolo, kiu profunde eraras kaj kiun li tiel amas. Se tio, kion li donas, estas por ĉiuj, ili, certe jam disdonos ĝin en tutan mondon.

Do tamen reen al Galilea lago! Sed ne sur la sama vojo, sur kiu ili venis, ĉar tiu fariĝis pli kaj pli danĝera, jam pro tio, ĉar la popolamaso ege postulis miraklojn de la dia homo. Lian instruon ili rifuzis, sed lian forton ili volis eluzi.

Tiam ili ekmarŝis trans la montaron Libanon. Sur la montoj kuŝis neĝo, ĉar estis ankoraŭ frua printempo kaj altega Hermon estis vestita per glacia dezerto.

Rigardante supren, ili vidis krutegaĵojn sovaĝe fenditajn kaj malsupre malfermiĝis profundegaĵoj, kie bruegis montaj riveroj. Super ĉi rigida forlasita dezerto iafoje aglo etendis siajn larĝajn flugilojn kaj sur maljunegaj cedroj pepis vulpuroj.

La viroj, venantaj de l' florantaj bordoj de Jordan kaj Galilea lago, ankoraŭ neniam vidis tian sovaĝan naturon. Ili ektimis kaj provis decidigi Majstron, ke li komencu reiron. Sed li etendis la brakon al tiuj krutaj altaĵoj kaj diris: »Kial vi timas, infanoj? Kiam la gentoj estos trosatiĝintaj kaj fariĝos nesentemaj por ĉia impreso, ĉi dezerto estos ĝojiga loko por homoj.«

Ili envolvis sin pli bone en la manteloj kaj komencis iradon sur senvoja krutaĵo. Majstro iris antaŭe kaj ili sekvis lin; ne venis al ili eĉ penso, ke li povus erari en la vojo.

Iom post iom griza nebulo ĉirkaŭis suprojn de l' montoj kaj malleviĝante, ĝi ĉirkaŭis ankaŭ la migrantojn; fine ili nenion vidis krom malklaraj konturoj de la plej proksimaj rokoj[1] kaj arboj. Tial ili sidiĝis por iom ripozi. Dum ilia kondukanto sidis ĉe arbo, unu — kiun ili nomis Mateo — prenis el sia sako malgrandan pecon da pano, montris ĝin al la kunuloj kaj diris mallaŭte: »Jen ĉio, kion ni ankoraŭ havas. Se ni ne trovos homan loĝejon, ni devas perei pro malsato.« — Parolis alia, nomata Simono: »Ĉu vi rememoras, kiel li satigis kvin milojn da homoj ĉe lago?«

Al tio respondis junulo, nomata Johano: »Ili malsatis je la vorto.« »Hodiaŭ nin ne satigas vortoj«, rediris Simono iom malafable, sed tuj li eksilentis, kvazaŭ li ektimis pro sia rimarko. Ilia Majstro ne amis tiajn parolojn kaj ĉiam li severe mallaŭdis similan eldiron. Poste Simono tuŝis per sia mano la brakon de Mateo kaj diris: »Frato, vian panon vi ne devas manĝi mem. Lia forto estas elĉerpita, li ne estas tiel fortika kiel ni, al li vi devas ĝin doni«.

»Ĉu vi pensas, ke mi estas sensaĝulo«, ekkoleris Mateo; jam sola supozo, ke li volus manĝi mem lastan provizon, estis por li ofendo. Li leviĝis, iris al Majstro kaj vidante, ke li ne dormas, donis al li panon.

»Ĉu vi jam manĝis?« demandis Majstro. »Ni ĉiuj estas sataj«, diris li.

Tiam li akceptis ĝin.

Kaj ĵus en ĉi momento la viroj ĝoje ekkriis. Subite disiĝis la nebuloj kaj jen, libere flugis la rigardo en la sunoplenan mondon. Tie ĝi nun kuŝis — profunde, profundege — la blua ebenaĵo fluanta en senlima larĝeco ĝis tie, kie ĝi per rekta linio kuniĝis al ĉielo. Kaj sur la malproksima ĉielo staris brilaj nubetoj kiel oraj pinakloj[2] de templo. Laŭlonge de la bordo estis ĉeno el blankaj punktetoj – homaj loĝejoj - kaj malproksime eklumis kvazaŭ dissemitaj steletoj – blankaj veloj de ŝipoj. La maro. — Tiel vasta, gaja kaj suna estis tiu vidaĵo, ke ili salutis ĝin kun laŭta ĝojo.

»De tie super la akvo iam venis la idolistoj«, diris Mateo.

---

[1] Roko = skála.

[2] Pinaklo = cimbuří, germane Zinne, angle pinnacle, france créneau, itale merlo, latine pinna.

»Kaj tien foriros la kristanoj«, aldonis Simono.

»Kaj per glavo ili forigos Romanojn!« parolis Jakobo.

Sed mallaŭte ili admonis lin: »Tiaj paroloj ne plaĉas al Majstro!«

Li ne aŭdis ĝin. Li leviĝis kaj silente rigardis en malproksimon, tiam li iris de unu al alia por legi en iliaj mienoj, ĉu ili povas fariĝi senkuraĝaj — vidante dian belecon ĉirkaŭ si.

Simono plej malmulte atentis tiun belecon, li sidis turnita flanken kaj iafoje balancis sian kapon kiel en profunda pensado.

»Kiom da ĉagreno oni havas kun tiuj, kiuj apartenas al ni!« li murmuris.

Je tio ridis Jakobo. »Tiuj, kiuj apaternas al vi? Kiuj nur estas tiuj, vi ja estas sola kaj ne bezonas zorgi pri iu alia krom pri vi mem!«

»Nu ĵus tiu unu kaŭzas al mi tiom da ĉagreno,« diris Simono. »Sciu, la malbonulo estas malkuraĝa. Neniam mi forgesas tion, li forkuris kiel bubo, kiu atendas punon pro io, kiam demandis lin soldatoj de Herodes, ĉu li apartenas al Nazaretano. — Amiko kaj frato! Mi pensas, ke mi havus kuraĝon, daŭrantan kuraĝon, kiam estos necesa elporti por li tago post tago la plej grandajn suferojn kaj humiligojn ĝis lasta tago, kiam forlasas nin ĉiuj fortoj kaj malrapide mortante ni falas teren. Sed en ekaperinta danĝero subite morti — antaŭ tio ektimas mia koro. Ĉu tia homo estas inda iri kun li?«

»Ni estas fiŝistoj, sed ne herooj«, respondis Jakobo. »Mi ne scias, kia kuraĝo estas pli granda, tiu por travivi mizeregan vivon, aŭ tiu por subita morto. Mi devas konfesi, frato, de kelka tempo — mi ne povas kompreni, kio fariĝas kun ni . . .«

Simono estis interrompita. Filipo alvenis, tiretis lian manikon kaj donis al li pecon da pano. Simono ĝin prenis kaj donis pluen al Mateo.

»Kio estas tio?« miris tiu.

»Mi ricevis ĝin de Filipo; mi ne malsatas, nur prenu ĝin.«

»Sed homo!« diris Mateo, »ĉi panon mi ja donis antaŭ momento al Majstro!«

Tiam ili pripensis kiel ĉi tio venis. Majstro donis la panon al Johano, tiu ĝin donis al Zebedeo, kaj tiel ĉiu el ili transdonis ĝin al alia ĝis Mateo ĝin ricevis. Kiam ili miregis je tio, ke neniu bezonis manĝi, Majstro ridetis.

»Jen«, li diris, »vi ja tiel amas miraklojn, vidu, jen estas unu. Dekdu viroj satigitaj per unu pano«.

»Sed tion ne faris la vorto«, diris Simono.

»Ne, Simono, sed la amo«. Trad. *E.*

# MULTIĜU SIMILAJ FAKTOJ!

Por ni internaciistoj estas ĝojo vidi, kiel reciprokaj simpatioj enradikiĝas en koroj de homoj dividitaj per regnolimoj, lingvo aŭ kiel ankoraŭ oni nomas ĉion tion. Mi estis agrable ekscitita, kiam mi legis en unu el oktobraj numeroj de bohema gazeto »Čas« (Tempo) artikoleton, kiun mi ĉi tie tradukas.

»Granda societo de postlimaj Bohemoj berlinaj — oni skribas al ni — entreprenis ekskurson en Königshaida-n, apud vilaĝo Baumschulenweg. Sur vasta arbara herbejo komencis gaja bohema vivo. Muziko sonis, junaj eĉ maljunaj kantis, dancis, oni amuzis sin per diversaj societaj ludoj kaj simile. Proksime troviĝis multenombra societo germana. Libera gajeco de Bohemoj influis ankaŭ je Germanoj. Individuoj, kaj poste tutaj aretoj komencis ĉirkaŭi boheman societon kaj kun viva intereso ĉiuj observis, kiel Bohemoj amuzas sin. Plaĉis al ili bohema danco »Beseda«, plaĉis al ili melodiaj naciaj kantoj bohemaj. Kaj vere Germanoj ne estis rigardantoj sendankaj.

Ili interkonsentiĝis, ke ili rekompencos Bohemojn pro ĝuo, kiun ĉi tiuj al ili faris per sia amuzado. Scivolaj individuoj malaperis, sed neatendite tuta germana societo almarŝis al loko de Bohemoj, kaj ekkriinte saluton, ĝi sciigis per buŝo de sia ĉefo, ke rekompence ĝi ekkantos al Bohemoj kelkajn kantojn germanajn. — Bohemoj esprimis amikan konsenton, Germanoj ekkantis kaj ekkriis »Hoch!«, kiun sekvis tondra »Na zdar!« de flanko bohema. Poste Bohemoj ekkantis himnon »Kde domov můj?« kaj ĝia majesta melodio faris profundan impreson je Germanoj. Ili dankis per aplaŭdo kaj per krio de »Hoch!«, premadis manojn

reciproke kun Bohemoj, konatiĝadis kaj longe daŭris ilia komuna amuzado. Ĉe ni tio aŭdiĝas kiel fabelo, sed vero estas tio. Okazis dimanĉe, 9. de aŭgusto 1903.«

*N. B.*

# TEKNIKA ANGULETO.

**Fotofonografo de Červenka.** Post la publikigo de artikolo pri fotofonografo (vidu la Nron 9-an de »Č. E.«) ni kaj ankaŭ s-ro Ed. Kühnl ricevis multe da demandoj, kie kaj por kiu prezo estas ricevebla ĉi nova aparato. Ni demandis rekte la eltrovinton s-ron Červenka kaj li respondis al ni, ke liaj aparatoj ne estas ankoraŭ vendataj, sed kiam fariĝos tiel, ke li tuj donos al ni necesajn informojn.

Tiom ni sciigas al demandantoj por hodiaŭ.

*La redakcio.*

## SENMETALFADENA TELEGRAFIO.

Ni ne volas priskribi ĉiujn elpensaĵojn, per kiuj oni plibonigis originalajn aparatojn telegrafajn tiel, ke ni povas hodiaŭ sendi eĉ pli multe da depeŝoj per sama metalfadeno samtempe kaj telegrafi ĉe literojn senpere, sed celo de ĉi tiu artikolo estas klarigi dume nur la ĉefajn principojn de telegrafio senmetalfadena de la unuaj proponoj kaj eksperimentoj ĝis la hodiaŭa rezultato.

Jam en jaro 1849 proponis *Wilking* streĉi sur angla kaj sur franca marbordo du paralelajn metalfadenojn, kies finoj estus forkondukitaj en teron. Al la unua li proponis aligi baterion de elementoj kun interrompilo de elektra fluo (fig. 1.) kaj al la dua delikatajn mezuraparatojn (fig. 2.). — Laŭ la propono de Wilking laboris poste ĉefinĝeniero de angla poŝto *W. Precce*, al kiu prosperis kompreni je 8 kilometra interspaco.



Fig. 1.



Fig. 2.

Aparatoj uzitaj de Wilking en jaro 1849.

De tiu tempo oni komencis labori kun elektra fluo alterna[1], kun fluo de alta ekspansio, ĉe kiu la ŝanĝo de positiva kaj negativa poluso ripetiĝas ĝis multecentfoje en la sekundo. La unua, kiu uzis ĉi tiun fluon, estas tutmonde konata Italo *G. Marconi.*

Jen estas la simplaj skizoj de liaj aparatoj: Inter du pintoj transsaltantaj fajreroj (ricevitaj per forta induktoro) efikas en ĉirkaŭ-

[1] Alterna = střídavý.

anta aero elektran ondadon. Aparato, konsistanta el baterio, induktoro kaj interrompilo, estas stacio sendanta (fig. 3.). Nun estas bezone ankoraŭ trovi, kiamaniere oni povus la ondojn, elirantajn el aparato sendanta, konstati en aero — do konstrui stacion akceptantan.




Fig. 3.
Oscilatoro.




Fig. 4.
Resonatoro.

Aparatoj uzitaj de Hertz.



Fig. 5.
Koherero de Branly.

La unua solvinto de ĉi tiu problemo estas *H. Hertz*, kiu konstruis tre simplan »ondkaptilon« — resonatoron. Sur ambaŭ finoj de rektangule kurbigita metalfadeno (fig. 4.) estas fiksitaj du globetoj sufiĉe proksime, inter kiuj oni povas facile ekvidi fajrerojn, se la aparato troviĝas proksime de oscilatoro — de stacio sendanta. Sed ĉi tiu resonatoro ne povis esti uzita por praktika bezono pro delikata funkciado kaj nesufiĉa sentemeco.

Al nuna disvastiĝo de senmetalfadena telegrafio helpis multe *Branly*, eltrovinte aparaton nomatan koherero (aŭ fritter) (fig. 5.); li trovis, ke du elektrodoj, enigitaj en izolantan (vitran) tubeton, inter kiuj troviĝas metalaj fajlaĵoj, tuj aliformiĝas kontraŭstaron al elektra fluo, se ilin ektuŝas ondoj elektraj. Sed per ektremigo de tubeto la koherero revenas en pli fruan ripozon.

Kun helpo de ĉi aparato oni povas nun aranĝi la akceptantan stacion, kiu la puŝojn de elektraj ondoj enskribadus. Meriton pri tio gajnis Marconi, kiu efektivigis la telegrafadon je interspaco laŭvola. La unuan eksperimenton li faris en haveno de Spezia (en Italio) en jaro 1896, kie ambaŭ stacioj troviĝis je 12 *km* malproksime unu de alia. La aranĝon de ili montras fig. 6. I. II.



Fig. 6. I.
Stacio sendanta.



Fig. 6. II.
Stacio akceptanta.

Aparatoj uzitaj de Marconi.

En stacio sendanta troviĝas aparato induktora kun baterio. Interrompata elektra fluo trakuranta la dikajn metalfadenojn de elementa bobeno efikas en maldikaj eksteraj volvoj fluon flankan, kies intensito[1] estas multe pli malgranda, sed ĉe kiu la ekspansio multe altiĝis. La finoj de volvoj sur ekstera bobeno estas kunigitaj kun levila ŝlosilo (*f*) kaj poste kun elsendanta metalfadeno (*d*), kies malsupra parto (*e*) estas kondukita en teron.

Fluo vekita per induktoro enkondukas la tutan metalfadenon (*d*) en elektran ondiĝadon, ĉar inter ambaŭ metalaj globetoj (*g*, *k*) estiĝas fajrerado. Elektraj ondoj en aero vastiĝantaj ektuŝas en akceptanta stacio (II.) la metalfadenon (*i*), en kiun estas enmetita koherero (*j*); tiu prezentas kune kun elemento (*k*) kaj kun releso[2] ($l_1$) fermitan rondon, kiu estas kompreneble antaŭ la ektuŝo de ondoj neaktiva, ĉar, kiel jam supre dirite, la fluo ne trairas per koherero.

Post la ektuŝo cirkulas la fluo en ĉi rondo, sed fluo tre malforta, por ke ĝi povu esti tuj uzata por enskribado per releso ($l_1$). Tial oni vekas per ĝi apartan, lokan, sufiĉe fortan fluon, kiu trakuras el baterio (*n*) releson ($l_2$) de morsea aparato kaj elektromagneton ($l_3$), kiu efikas la frapadon de koherero per malgranda frapilo, por ĉesigi la fluon en unua (kaj per tio eĉ tiun de dua) rondo.

Se oni nun ekvekas en sendanta stacio (I) per fermo de levila ŝlosilo elektran fajreron inter *g* kaj *k*, (la fermo de fluo daŭras nur mallonge) la ondoj senditaj de metalfadeno (*d*, *e*) tuŝas tiun de stacio akceptanta (II), igas kondukema la fajlajojn de koherero kaj la ĉefa fluo de akceptanta stacio fermiĝas: levilo ĉe $l_2$ alsaltas al pinto *m* kaj la fluo de baterio *n* malsuprentiras levilon $l_3$ de morsea aparato, kiu enskribas punkton.

Sed en la plej proksima momento ekpuŝas frapilo ĉe elektromagneto $l_3$ la kohereron, tiel ke la tuta funkciado ĉesas kaj la aparato estas preta por esti denove ekfunkciigita per nova ondo.

La alfabeto uzata estas sama kiel tiu de telegrafio ordinara, sole kun tiu diferenco, ke anstataŭ unu punkto enskribiĝas ĉi tie mallonga linieto punktita kaj anstataŭ streko, linio multe pli longa, ankaŭ punktita.

*El. Kühnl.*

# KRONIKO.

*S-ro* ***Ed. Kühnl*** *el Praha petas nin esprimi en lia nomo al ĉiuj Esperantistaj grupoj kaj apartaj Esperantistoj en Francujo kaj Anglujo, al kiuj li ankoraŭ nepovis danki aparte, liajn plej korajn kaj varmegajn dankojn por vere amika akcepto, kiu okazis dum lia somera du-monata vojaĝo.*

**Instruistoj kaj Esperanto.** 6. X. 1903 faris paroladon pri Esperanto instruisto s-ro J. Krumpholc en kunveno de geinstruistoj en Bystřice-Hostýn. — En antaŭparolo li klarigis tre lerte celon kaj signifon de lingvo internacia, kiu ne volas anstataŭi lingvojn naciajn,

[1] Intensito = různost, síla, intensita.
[2] Releso = relais (france).

sed volas esti nur peranto en rilatoj internaciaj kaj sciigis ĉeestantojn pri klopodoj de Jan Amos Komenský por kreo de helpa lingvo internacia. Poste klarigis parolanto per multaj bonaj ekzemploj (skribitaj sur 2 lernejaj skribotabloj) gramatikon, strukturon kaj vortofaradon de Esperanto. Ĉiuj ĉeestantoj mirigitaj de simpleco kaj facileco de lingvo, aŭskultis tre atente liajn elokventajn vortojn kaj brue aplaŭdis lin. *Jos. Grňa.*

**Brno.** Post pasigita somero komenciĝas nova vivo en »Aŭstria societo Esperantista«. Nova kurso estas komencita 27. X. 1903 kaj ĝi daŭros dum 4 monatoj (unufoje en semajno). Instruanto: s-ro J. Kajš. Kurso estas farata en societa sidejo »Freya«, Zelný trh, 24. I. etaĝo. Ĝojiga estas fakto, ke inter partoprenantoj de ĉi kurso estas ankaŭ multaj studentoj de teknikaj kaj komercaj lernejoj.

S-ro **Fr. Svačina** en Ĉes. Budějovice laboras tre fervore por nia afero. Dum tempo nelonga li publikigis en bohemaj gazetoj »Budivoj« kaj »Jihočeské Listy« longan vicon da propagandaj artikoloj aŭ pri Esperanto aŭ pri ideo de lingvo internacia entute. Titoloj de propagandaj artikoloj: »Mezinárodní řeč Esperanto«, »List o vzniku mezinár. řeči Esp.«, »Esperanto v uplynulém roce 1901«, »Paběrky o Esp.«, »Francouzští univ. profesoři a Esp.«, »Esperanto ve službách vědy«, »O nutnosti jazyka mezinárodního«. Krom artikoloj propagandaj li publikigas ofte ankaŭ artikolojn tradukitajn el gazetoj Esperantistaj, kompreneble ĉiam kun rimarko, ke artikolo estas tradukita el Esperanto. Tia maniero de propagando estas tre rekomendinda ankaŭ por aliaj Esperantistoj bohemaj. Ĉiu el ni povas ion fari por bona sukceso de Esperanto en nia lando. Nur kuraĝe antaŭen!

»**Národni Listy**« (vespera eldono, 22. IX. 1903) publikigis boheman tradukon de artikoleto »Malsana junulo (por »Český Esperantista« el flandra lingvo tradukis s-ro Dro Raym. Van Melckebeke). Bonegan tradukon ni dankas al sinjorino Máša Erhartová en Sušice.

»**Epocha**«, populare-scienca revuo bohema, enhavos de nun en ĉiu numero konstantan rubrikon Esperantan. Ĉi bonan sukceson ni dankas al s-ro *Ed. Kühnl*, al kiu prosperis konvinki redaktoron de »Epocha«, inĝenieron *J. Jindra* pri utileco de Esperanto. »Epocha« estas tre rekomendinda al ĉiu, kiu deziras ricevi sciigojn pri plej novaj progresoj kaj eltrovaĵoj en tekniko entute kaj en elektrotekniko speciale.

En nuna monato, novembro, ni atendas unuan numeron de »**Internacia Medicina Revuo.**« Ĝi elirados 6 foje en jaro, estos redaktata sole en Esperanto. Ĝia redakcia komitato konsistas el profesoroj en Pariza medicina fakultato. Oni abonas por jaro en Francujo kaj Aŭstrio-Hungarujo 6½ fr. (K 6·20), en aliaj landoj 7 fr. (3 rublojn per papera mono). Kun mono kaj por provaj numeroj turnu sin al redaktoro de »Lingvo Internacia« s-ro Paul Fruictier, Paris, boulevard Arago. — Komencoj ordinare estas malfacilaj, nome en nerica mondo Esperantista. Ĉi revuo signifos por ni multe . . . Ĉu estas bezone diri ĝis fino . . . — aŭ ĉiu, al kiu rimedoj iom permesas, komprenas sen ĝi?

**Sciigon pri »Internacia Medicina Revuo«** enpresis ĉiuj pli gravaj gazetoj bohemaj. Ankaŭ speco de bona propagando.

**Praktikaj Angloj** jam komencas kompreni utilecon de tiel facila kaj simpla lingvo internacia kiel estas Esperanto. Ni juĝas laŭ progresoj, kiujn faras inter ili Esperanto. En tempo ne pli longa ol unu jaro (neplena!) fondiĝis Esperantistaj grupoj en sekvantaj urboj en Anglujo: Bournemouth, Dublin, Edinburgh, Glasgow, Huddersfield, Keighley (plej unua grupo), London, Manchester, Newcastle, Plymouth, Portsmouth, Surbiton. Ĉu vi ne miras pri tiel rapidegaj progresoj? Nu, miru, miru, sed vi miros ankoraŭ pli multe, kiam vi ekscios, ke Angloj havas jam ankaŭ propran organon! Kaj se ni povas juĝi laŭ 1-a Nro de »The Esperantist«, ni devas diri, ke ili ricevis bonegan organon. Ni konsilas al niaj legantoj, ke ili ne estu kontentaj nur kun vortoj, kiujn ni diris, sed ke ĉiu mem konvinkiĝu pri diritaĵo. Ni estas certaj, ke neniu bedaŭros, ke li abonis (4 fr. por jaro) tiun novan organon, kiu multe rapidigos disvastiĝon de Esperanto en ĉiuj landoj, kie estas parolata angla lingvo. »The Esperantist« estas eldonata (sub redakcio de s-ro H. Bolingbroke Mudie) de »The Esperanto Club«, London W. C., 41, Outer Temple. De tie postulu provan numeron kaj tien alsendu ankaŭ abonan pagon.

**Esperanto en Budapest** (Hungarujo). S-ro Josef Jiskra skribis al ni, ke 20. IX. 1903 en bohema kleriganta societo »Osvěta« paroladis pri Esperanto s-ro J. Klimek. Parolado estis akceptita kun aplaŭdo kaj ĉeestantoj decidis fondi klubon de bohemaj Esperantistoj en Budapest.

El **Belgujo** ni ricevis — dank' al s-ro Dro Raym. Van Melckebeke en Antverpeno — jenajn bonajn sciigojn:

Antverpenaj gazetoj La Métropole, Le Matin, Handelsblad, Le Patriote skribis artikolojn favorajn al Esperanto. Oni organizas 4 kursojn: por viroj: ordinara franca kurso — ordinara flandra kurso — supra kurso. Por virinoj: ordinara kurso. La kursoj komenciĝis 7-an de novembro 1903.

Belga organo Esperantista »La Belga Sonorilo« komencis 2-an jaron de sia elirado. Nro 2-a de nova jaro enhavas interesan artikolon de Dro R. Van Melckebeke »La fino de la militoj«. Ni rekomendas tralegi ĉi artikolon!

S-ro **Alfred Michaux**, advokato en Boulogne sur Mer alsendis al ni afable kelke da numeroj de francaj ĵurnaloj (Le Boulonnais, La France du Nord, Journal d' Amiens), kiuj enhavas sciigojn pri Esperanto. Sinceran dankon!

**Peruo.** Ke Esperanto vastiĝas ankaŭ en malproksima Peruo, oni povas vidi laŭ tio, ke tieaj Esperantistoj komencis eldonadi propran propagandan organon »Antaŭen Esperantistoj!«, kies ĉefa redaktoro estas konata propagandanto de Esperanto Dro *Federico Villareal*, profesoro en universitato, Lima. Administracio de gazeto troviĝas en Lima, Farmacia del Teatro, Calle de Lártiga No 106, Apartado Nos. 927 y 937, Peruo. Jara abono = 0·250 livroj.

**Italujo.** Gazeto de italaj Esperantistoj »L' Esperantista« komencos eliradon sub novaj kondiĉoj. Direktoro: Dro *Giovanni Cacciapuoti*, Napoli, Piazza Cavour, Nro 152. Redaktoro: *Grafo Albert Gallois*, Riolunato. Sekretario: Advokato *Raffaele Bagnulo*, Napoli, Largo Gesú e Maria, Nro 4. — Abonon (4 fr. por jaro) oni sendas al sekretario.

# ORGANIZACIO DE KORESPONDADO (O. K.).

*Klarigojn de signoj vidu en Nro 7-a de »Český Esperantista«.*

*Unua* anonco por ĉiu abonanto de »Č. E.« estas *tute senpaga.*

**30. Belgujo.** ANTVERPENO, Avenue des Arts, 22. — *Raym. Van Melckebecke.* Doktoro de sciencoj. Ĥemiisto. *LSP:* flandra, franca, Esperanto. *L:* germana, angla, itala, latina. *Dez:* Korespondi pri sciencoj, novaj eltrovaĵoj por sciigi pri ili en Belgaj sciencaj revuoj. *D:* Informoj pri ĥemio kaj geologio. *R:* Ĉiam.

**31. Aŭstrio. Moravio.** BRNO, Mlýnská ul., 24. — *Jan Pokorný,* laboristo en ŝpinejo. *LSP:* bohema, Esperanto. *Dez:* Sciigoj pri alkohol-abstinenteca kaj laborista movado kaj pri ĉiuj penadoj ĉiuhomaj. *D:* Sciigoj (laŭ povo) el mia lando kaj kiel ĉe »Dez.« *D:* Per kartoj ilustritaj aŭ neilustritaj; ĉiam. — Alkohol-abstinento, meznstara socialisto. Pretigas tre bonajn kaj fortikajn ŝtrumpojn. * 1873.

**32. Francujo.** PARIZO, boulevard Raspaïl, Nro 204. — *Joseph Letenneur,* oficejestro en financa ministrejo, delegito de Franca Turista Klubo. *LSP:* franca, Esperanto. *L:* germana, itala, latina. *Dez:* Korespondos tre volonte kun geesperantistoj el ĉiuj landoj pri ĉiuj demandoj, kiuj povas helpi disvastigon de Esperanto. *K:* Poŝtaj markoj (por mia fileto). *R:* Ĉiam, plej baldaŭ, per leteroj kaj per ilustritaj aŭ neilustritaj kartoj. — Mi deziras konatiĝi kun fremdaj geesperantistoj. * 1858.

**33. Aŭstrio. Moravio.** BYSTŘICE-HOSTÝN. — *Fr. Chvatík,* lernanto ĝardenista. *LSP:* bohema, Esperanto. *Dez:* Ĝardenkulturo (en nia ĝardena varmejo troviĝas orkideoj, ananasoj kaj palmoj). Abstinenteco inter gejunularo. Natursciencoj. Progresoj de Esperanto. *D:* Laŭ mia kapableco mi volonte respondos demandojn de mia korespondanto. *K:* Fotografaĵoj. *R:* Per leteroj aŭ kartoj. — Mi deziras korespondi kun alilandaj ĝardenistoj pri profesiaj demandoj kaj perfektiĝadi tiamaniere en mia profesio. *1887.

**34. Rusujo.** Ст. Копорье, Яросл. губ., Деревня Верхнее-Березово. — *Ivan Gennadievič Širjaev,* instruisto en komenca popola lernejo. *LSP:* rusa, Esperanto. *Dez:* Trovi eksterlandajn gazetojn, kiuj por ioma pago konsentiĝus akceptadi miajn artikolojn pri vivo en mia patrujo. *D:* Mi tre volonte interŝanĝos poŝtmarkojn. *R:* Tre akurate dum monatoj majo—oktobro. — Mi deziras partopreni en plej diverslandaj gazetoj per ĵurnalartikoloj, kiujn mi verkos en Esperanto. * 1877.

**35. Francujo.** BUCILLY par HIRSON (Aisne). — *Paul Pécheux,* muelisto kaj komercisto je faruno kaj greno, posedanto de bieno. *LSP:* franca, Esperanto. *L:* itala, angla, germana. *Dez:* korespondi pri mia komerco kaj pri industrio, fotografado, ĉasadaj demandoj, fiŝkulturo kaj fiŝkaptado, alilandaj moroj, kosto kaj maniero de vivado en diversaj landoj. Mi deziras ricevi informojn pri ĉasado en marĉoj kaj ĉe marbordoj en diversaj landoj. *D:* Pri samaj demandoj koncernante Francujon. *R:* Per leteroj aŭ kartoj. — 1864.

Redaktor: Krumpholc Jos. — Vydavatel: Čejka Th.
Tiskem »Družstva knihtiskárny«, Hranice.